12 MAJO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — N° 7

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Unu Jaro | 3 fr. | 2 1/2 m. | 2 1/2 ŝ. |
| Helpabono | 10 fr. | 8 m. | 8 ŝ. |

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. D. Kovaĉef, Sofio



## Kiel uzi Esperanton ?

(IV)

*Kiu estas la plej bona propagandilo. — Por la enkonduko de Esperanto ĉe la komercistoj. — Projekto*

Se miaj legantoj kredas trovi en ĉi tiu artikolo ion tute novan, iun ajn ideon neniam aŭditan, ili eraras. Pri propagando kaj propagandiloj oni jam tiel multe kaj tiel bone parolis, disputis kaj skribis, ke la eltrovo de tute novaj propagandmanieroj ŝajnas al mi preskaŭ neebla. Tamen mi esperas ke la linioj sekvantaj ne estos senutilaj ; ĉar, se mi ne havas novan ideon, mi havas almenaŭ novan formon por ĝi ; por ĝia efektivigo mi proponas novan vojon.

Pli kaj pli ĉiuj esperantistoj konsentas pri tio ke de nun nia propagando devas fariĝi esence, precipe *praktika*. Ni vivis ĝis nun por Esperanto ; de nun, Esperanto devas vivi por ni. Kompreneble, por ke Esperanto povu vivi por ni, ĝi devas antaŭ ĉio *havi* vivon. Sed, feliĉe, nia anaro estas jam granda kaj plene sufiĉas por efektivigi mian planon. Mi diris, ke la propagando devas fariĝi pli kaj pli praktika ; pli bone mi estus dirinta, ke ĝi devas sin turni pli kaj pli al la praktikuloj, precipe al la komercistoj. Jen estas ia nova fortikaĵo, kiun ni devas ataki per ĉiuj niaj fortoj ; ĉar, se ni tion havos, ni ĉion havos. Sed kiamaniere ni devas agi, se ni volas la sukceson ? ĉu ni devas ilin allogi per niaj plej dolĉaj sonoj, aŭ ĉu ni devas ilin minaci per bomboj kaj pafilegoj, se ili kontraŭstaras ? Jen la sufiĉe grava demando, kies solvon mi provas helpi iomete hodiaŭ. Nia samideano H. Hodler pravege diris en la Neuchâtel'a svisa kongreso, ke ni ne devas tro insisti ĉe la komercistoj, ke ili lernu Esperanton ; ni ne devas ilin enui per tiaj provaĵoj ; ni ne povas kaj sekve ne volas postuli de tiuj multeborantaj homoj, ke ili faru al si multe da klopodoj, se ni ne povas salajri iliajn penojn per ia samvaloraĵo. Per unu vorto : ni ne devas trudi, ne devigi. Certe, S-ro Hodler estas prava ; sed malgraŭ tio, ŝajnas al mi, ke tamen ni ne devas tute preterlasi la devigon. Ni devigu la komerciston, ne ke li lernu, sed ke li sin okupu pri Esperanto. « Sed ni nin gardu enui la komerciston », oni respondos. Jes, mi konsentas ; sed se ni sukcesas aranĝi la aferon tiamaniere, ke ĝi tute ne plu malplaĉas al li ; ke la komercisto mem deziras kiel eble plej multe da tiaj « enuaĵoj », tiam oni povas kaj eĉ devas uzi ankaŭ la devigon. La tutmonda esperantistaro ĉiutage pligrandiĝas ; ĉie, en ĉiuj urboj kaj urbetoj oni trovas hodiaŭ Esperantistojn ; kaj, se ni diligente, inteligente uzas niajn nunajn fortojn, ni jam hodiaŭ povas sukcesi. Komercisto germana, kiu ricevas ĉiumonate unu aŭ du francajn mendojn certe lernigas la francan lingvon al iu el siaj komizoj ; kaj komercisto tutmonda, ricevonta ĉiumonate unu aŭ du mendojn en Esperanto, sendube faras la samon. Do, por atingi nian celon, nepre absolute ĝin atingi, ni nur bezonas skribi ĉiujn niajn mendleterojn esperante, kaj baldaŭ ni estos venkintaj. Tiu ĉi propagandilo sin distingas de multaj aliaj per sia grandega simpleco. Ekster ni, ni bezonas nenion ; nek la helpon de regnestraroj, nek la rekomendon de famaj kaj influplenaj eminentuloj, nek la monon de la riĉuloj ; ni nur bezonas nin mem. Kaj, se tiamaniere ni estos venkintaj nur per niaj propraj fortoj, ni ne bezonas plu timi, ke ia fremda institucio, elektonta la definitivan helplingvon, anstataŭos Esperanton per iu ajn alia lingvo.

Se ĉiuj esperantistoj sekvus la diritan vojon, se ili agus en tiu ĉi senco, skribante jen al tiu, jen al alia komercisto, sen principo aŭ ordo, tute laŭ persona bontrovo, ili certe sukcesus ; sed se ni agus laŭ inteligenta, pripensita plano, ni *pli* baldaŭ sukcesus. Nun, por havi planon, oni bezonas planfarantojn ; por agi kune, laŭ komuna signaldiro, oni bezonas organizaĵon, societon. Mi do proponas la kreon de *Ligo internacia de la aĉetantoj esperantistaj* (L. I. A. E.) societo tute senpaga, kies membroj nur promesas skribi kiel eble plej multe da esperantistaj komercleteroj, kaj kiuj samtempe promesas skribi tiujn leterojn ne al iu ajn komercisto, sed precipe al la komercistoj nomitaj de l'liga komitato. Al tia ligo povus aliĝi ne nur adeptoj de Esperanto, sed ankaŭ aprobantoj, kiuj tiamaniere povus fari tre efikan propagandon, tradukigante siajn leterojn per konsuloj aŭ amikoj. Tiu L. I. A. E. povus en Svisujo ekz, facile atingi la nombron da 200-300 membroj ; kaj 200 aĉetantoj, lerte direktitaj, povas venki eĉ la plej fieran komerciston. Se ekz. la komitato donus la jenan ordonon ; L. I. A E'anoj kaj aliaj esperantistoj, dum la tri venontaj monatoj aĉetu :

Librojn de N. N. en X. ; vestaĵojn de N. N. en X. ; ŝuojn de N. N. en X. ; horloĝojn de N. N. en X. ; k. t. p., k. t. p. mi ne kredas, ke la nomitaj komercistoj povus kontraŭstari longtempe. Ili baldaŭ akceptus Esperanton kiel helplingvon, ili helpus nian gazetaron per anoncoj, kaj samtempe ni gajnus du novajn propagandilojn efikegajn : kolektinte unuflanke la nomojn de ĉi-tiuj komercistoj kaj aliflanke de la L. I. A. E. ni povos diri al la vendistaro : « Jen vidu la grandan societon, kies membroj vin preferus, se vi akceptus Esperanton », kaj al la aliaj, al la aĉetantaro, ni diros : « Jen, vidu la multajn komercistojn, kiuj jam uzas nian lingvon ». Kaj tiel ni povus esperantistigi unu per la alia.

Estante nur nova esperantisto, kiu estas devigata anstataŭi la sperton per la fervoro, mi tute ne volas doni ideon, planon neplibonigeblan ; mi treege estus kontenta, se aliaj pli lertaj kaj pli famaj samideanoj dirus siajn opiniojn al mi, kaj se iu montras al mi alian vojon pli bonan ol la mia, mi estos lia unua sekvanto.

*Ĉiam Antaŭen.*

# TRA LA MONDO

### Hispanujo

Barcelono, Aprilo 1907.

La dimanĉon 21an de Aprilo okazis en Hispanujo balotoj por la nacia Parlamento. La jenaj partioj partoprenis en la balotado : konservativa, liberala, respublikana, tradicia, demokrata, integrrala kaj eroj el la partioj diskuniĝintaj el ili. En la Kataluna regiono la balotoj prezentis sin alimaniere ol en la cetero de Hispanujo. Okaze de malpacoj okazintaj en Katalunujo antaŭ unu jaro kaj duono, la partioj ne regantaj, t. e, respublikana, regiona, tradicia kaj multaj ĝis tiam indiferentuloj unuiĝis por bataladi kontraŭ la registaro. Parto de la respublikana partio ne akceptis unuiĝi kun neprogresema kaj regiona partioj bataladante tiun unuiĝon nomatan « Solidaritat Catalana » (Kataluna Solidareco). Tia movado komencita antaŭ iom pli ol unu jaro rapide etendiĝis en la tutan Katalunan regionon. Tial kelkaj ministraj deputitoj en la antaŭa Parlamento antaŭvidante la malprosperon de sia kandidateco ne sin reprezentis por la baloto ; aliaj provis esti de nove rebalotitaj prezentante kandidatecon. La parto de la respublikana partio kiu ne akceptis la unuiĝon kun la jam nomitaj partioj ankaŭ prezentis kandidatojn en kelkaj balotdistriktoj. La propagando estis granda kaj senĉese en tiu ĉi urbo okazis balotkunvenoj. Kie la geografia sido malpermeŝas iri per fervojo, tien iris la propagandantoj per aŭtomobilo. La tago de la balotoj alvenis. Escepte en Barcelono, kie la disputado inter diverspartianoj alportis la morton al unu kaj vundojn al du aliaj, la balotoj ne prezentis alian karakteron ol tiun de akra batalado inter la kandidatoj de la partoprenantaj partioj dezirantaj venki unu la alian. Fine, triumfis la kandidatoj de la « Kataluna Solidareco », escepte du, kiuj estis venkitaj de dinastiaj kandidatoj. En antaŭaj balotoj, la ministraj kandidatoj, ĉu konservativaj, ĉu liberalaj, triumfis en Katalunujo, sed nun, la politika movado de tiu regiono devigis la konservativulojn, kiuj nun regas en Hispanujo kompensi la nerebaloton de iliaj kandidatoj en Katalunujo per la okupo de novaj lokoj en aliaj regionoj je l'malprofito de la liberaluloj. Tia agmaniero malplaĉis al tiuj ĉi, kiuj pro ĝi perdis balotdistriktojn, kie la konservatuloj penis balotigi siajn deputatojn ĉe la Parlamento, por ne esti tro kontraŭstarigitaj de la kontraŭuloj, kiuj estos certe multenombraj kaj fervoraj

La Parlamento kuniĝos dum la maja monato kaj estas esperable, ke ĝia laboro estos pli fruktodona ol siaj antaŭuloj, ĉar tion vere tre bezonas nia lando.

A. PIERRE.

### Hungarujo

Budapesto, Majo 1907.

Jam de dudek jaroj, leĝparagrafo decidis la kreon de la « Hungara reĝa poŝta banko ». Interesa albumo ĵus aperis, el kiu ni povas ekvidi la financan kaj precipe socian gravecon de poŝta banko. La celo, pro kiu estis kreita la poŝta banko, havis precipe kaj unue socian karakteron. Kolektigi la malgrandajn kapitalojn kaj ĝeneraligi, enradikigi la ŝparemon ĉe la popolo, ĉar el multe da heleroj fariĝas kapitalo kaj unueco, unuiĝo faras forton. Mi ne bezonas komentarii kian grandan rolon havas la ŝparemo kaj ankaŭ la ebleco por ŝpari ĉe la popolo. Laŭ mia opinio, dependas la reala riĉeco de ia ajn nacio ĉiam de tio, ĉu la popolo havas kapitalojn aŭ ne, ĉar la popolo estas la nacio. Nu, ĉi tiun ŝparemon kaj rimedojn por ŝpari celis ebligi la « H R. Poŝta banko». Nia poŝta banko dividiĝas je du partoj. La unua estas la ŝparklaso kaj la dua la ŝek-kaj kliringklaso. Makleroficejoj estas ĉiuj poŝtoficejoj, kiuj senpage makleras interne de l'lando ĉiujn financajn aferojn, kiuj rilatas al la poŝta kanko. Tiamaniere ebliĝis por ĉiuj personoj la konservado kaj fruktigo eĉ de malgrandaj kapitaloj. Unu krono estas la plej malgranda sumo, kiun akceptas la poŝta banko, sed plej malaltaj sumetoj ankaŭ ludas rolon en ĉi tiu mirinda ŝparo, ĉar ekzistas poŝtbankaj notetoj, per kiu oni povas ŝpari eĉ la plej malgrandajn sumetojn kiel poŝtmarko surgluita. Nia poŝta banko havas tiun specialecon, ke ĝi ne nur administracie funkcias, sed mem fruktigas la kapitalon. De la komenco ĝis nun, tiu instituto eldonis pli ol 2 milionoj da ŝparlibretoj. Estas ankaŭ interesa, ke la rilato de la ŝparantoj al la loĝantaro estis en la komenco 5 ‰ kaj nun 27,85 ‰. Inter la ŝparantoj, ni trovas ĉefe laboristojn (20 %), geoficistojn kaj militistojn (9 %), geservistojn (7 %), terlaboristojn (5 %), komercistajn helpantojn (6 %) kaj lernantojn (30 %). La lasta montras la pedagogian gravecon kaj la aliaj la socian gravecon de la poŝta banko. La ĝenerala alteco de la kapitaloj estas nur 51 kronoj. El tiuj sumetoj, ĝis nun 466 miloj da kronoj estis en poŝta banko. Flanke de tio, la ĉeksekcio estas ne malpli interesa. Dum 16 jaroj la poŝta banko eldonis pli ol 7 milionoj da ĉekoj kun suma valoro da 16 1/2 miliardoj da kronoj. Ni devas diri, ke, inter la ĉekposedantoj, ni trovas grandajn fremlandajn firmojn el Eŭropo kaj Ameriko.

La graveco de la poŝta banko pligrandiĝis finance kun la enkonduko de kliringinterrilatoj kaj aliaj gravaj financaj aferoj ; socie kun la faciligo de la ŝparemo ĉe la neriĉaj klasoj ; administracie kun la enkonduko de ŝtataj financaferoj, kiuj tre ŝarĝigis la ŝtatan administracion (depago, pasportoj, punmonoj, k. t. p.). Nun, la poŝta banko konstruigis propran palacon kaj estas grava fonto de ŝtataj enspezoj.

A. de MARICH, konsulo.

### Rumanujo

Galaci, Aprilo 1907.

La kampara loĝantaro, pro la plikariĝo de la produktaĵoj necesaj por sia vivado, kaj ĉefe pro la ĉiam kreskanta plikosto de la kultureblaj teroj, kiujn ĝi luas, alvenis al tia situacio, ke la jara produto de ĝia laboro fariĝis multe pli malgranda ol la sumo de la elspezoj necesaj por la ĉiutaga vivado de la terkulturisto. Tio ĉi okazas en nia lando — cetere kiel ĉie — pro la malbona organizado de la terlaborado. Al tiu senlima ekspluateco de la terlaboristo, oni eldonu la malpravajn instigojn, kiuj konfuzis la kamparan loĝantaron kaj okazigis tute bedaŭrindajn malfeliĉojn, tamen klarigeblajn de la kolektiva kunfrenezeco, kiu iafoje atakas la popolamasojn. Sekve de tiuj gravaj tumultoj, la konservativa registaro devis eksiĝi, kaj ĝin anstataŭis la liberala partio kiu inter siaj anoj havas kelkajn homojn, kiuj antaŭe apartenis al la socialista partio, kiam tiu movado estis sincera kaj konscia. La tumultoj, preskaŭ ĉie, estis finitaj per bedaŭrinda, tamen necesa rimedo. Fluadis multe da sango. Nuntempe, prizorgas la registaro kaj entute ĉiuj patriotoj starigi la agraran demandon sur nova fundamento, tiel ke estu certigata ne nur la trankvileco de la patrujo sed ankaŭ la ekonomia progresado de lando, en kiu la naturaj fontoj de prosperigo estas plej riĉaj.

***

En nia lando estras reĝino, kies plej granda feliĉo estas ne nur la prizorgado de la belartoj, sed ankaŭ la helpado al la malfeliĉuloj. Jam de longe, fama pro sia literaturverkoj, ŝi estas ne nur reĝino de la muziko kaj poezio, sed ankaŭ patronino de multaj bonfarantaj asocioj, al kiuj ŝi ĉiam alportas fervoran helpon. *Carmen Silva*, amikino de la muzoj, gloriĝis ne nur en la kampo de l'artoj ; sur la batalkampo de 1877, kie ŝi estis ĉefa flegistino, ŝi meritis la gloran nomon : « patrineto de la vunditoj ». Inter multaj institutoj bonfarantaj, tiu nomata : *Vatra Luminoasà* (Hejmo luma) por la blinduloj estas speciale trafata de la reĝinaj favoroj. Pri tiu instituto, la jurnalo *Dimineaca* (Mateno), en Bukareŝto, skribis artikolon el kiu sekvanta fragmento estas sufiĉe konvinka : *Vatra Luminoasà* (Luma hejmo) :

Lasu la blindulojn, ke ili venu al mi, ĉar por ili estas mia amo, diris anĝelo Carmen Silva suretendante siajn blankajn flugilojn sur ĉiujn malĝojulojn kaj dolorulojn. Al ŝia voĉo, alkuris la perdituloj tra eterna mallumo, kaj, jen, iliaj vizaĝoj heliĝis per eterna lumo, ne pereigeble lumiganta. De nun, ili ne suferos plu la humiligan ĉagrenon aletendi, tiom da fojoj vane, almozpetan manon al rapida pasanto· Danke al la *maljuna patrineto* — tiel titoliĝis nia kara regnestrino — la blinduloj havas nun sian hejmon, kie ili kutimiĝos labori. Tie ili fariĝos membroj utilaj al la societo, kiu ofte ilin eljetas kiel sentaŭgulojn, kaj malofte aljetis al ili sian kaprican almozon. Komence malmultaj ! Nia hejmo, nun estas malgranda kaj sen multe da rimedoj ! Sed post nelonge, eble en la proksima printempo, ili estos multaj kaj loĝigitaj en vasta konstruaĵo danke al

la donacoj kaj al la publikaj monoferoj, kiuj jam komencis plenigadi la kaseton, kiun nia afabla reĝino portenas per sia blanka mano.

Tiun ĉi artikolon finas jenaj linioj :

Sed io estas ankaŭ admirinda ĉe nia reĝino, nome, la penado mem akceptita por informiĝi ĉiumatene pri la aferoj de ties instituto ; ŝi oferas sian dormon, sian necezan ripozon por skribi propromane ĉiutage pli ol 120 dankleterojn al monoferintoj. Esti reĝino, kaj tamen forlasi plezurojn, eĉ ripozon, por labori senĉese kaj senlace por malfeliĉuloj, jen estas la plej imitinda ekzemplo de sindonemo.

Ni imitu tian ekzemplon. Ni helpu la blindulojn en ĉiuj landoj kaj el ĉiuj landoj ni subskribu por helpi kaj lernigi Esperanton al la blinduloj de *Carmen Silva*.

Toma B. ABUREL.

## Sud-Ameriko.

Montevideo, Aprilo 1907.

La 24-an de Marto okazis en Montevideo la lasta kunveno de l'Medicina Kongreso de Latina Ameriko. Tial ke ĉiuj kunvenintoj parolis hispane la lingva demando ne sin prezentis dum la Kongreso, sed, dum tiu lasta kunveno, S-ro P-ro Gregorio Mendizabal, oficiala delegito de Meksiklando, unu el la plej rimarkindaj membroj de la kongreso, parolis pri tiu temo. Tial ke, li diris, la lingvo hispana estas nun malakceptata en preskaŭ ĉiuj kongresoj universalaj, estas necese, por ke la scienco hispanlingva restu en la tutmonda movado, ke oni alprenu lingvon internacian. Li parolis pri la rimarkindaj kvalitoj de Esperanto kaj faris la proponon, ke la Kongreso aliĝu al la Deklaracio de la Kongresoj pri lingvo internacia kaj atentigu siajn membrojn pri la taŭgeco de Esperanto. La sceno estis tiam, laŭ la esperantistoj kiuj ĉeestis tiun kunvenon, ege interesa kaj notinda. Krom la delegitoj Peruaj kaj Brazilaj, preskaŭ neniu el la oficialaj ĉeestantoj sciis, kio estas Esperanto ; la aliaj havis pri ĝi sendube strangan ideon. La propono de S-ro Mendizàbal elvokis veran skandalon. Pro respekto al la eminenta scienculo, neniu protestis, sed tiuj sinjoroj ŝajnis treege amuzataj. Ridoj sufokitaj, murmuroj ĉe l'orelo, ĝenerala mokado. Maljuna franco, frato de deputato de 1848, diris al mi, ke tio lin memorigis pri la franca deputataro kiam oni unuafoje parolis pri fervojoj. La prezidanto rapidis diri, ke la afero ne estas en la programo de la Kongreso, kaj petis S-ron Mendizàbal repreni lian proponon. Poste oni konsentis kun la jurnalistaro por ke la gazetoj nenion diru pri tiu *bedaurinda* okazo. Efektive ĉiuj silentis, kaj S-roj kongresanoj sin kredas savitaj de la ridindeco. Feliĉe, la voĉo de la eminenta scienculo ne restis sen eĥo. Unu el ĉeestantoj, la distinginda ĥemiisto S-ro Karlo Honoré, ĉefinĝeniero de la milita ministrejo orientala, respondis al li, kaj lin dankis en Esperanto, pliigante tiel la konfuzon kaj malkontenton de la kongresanoj. La personeco de S-ro Mendizàbal igas tre grava tiun ĉi ŝajne flankan okazon. Tiuj de niaj legantoj, kiuj sin okupas pri medicino, sendube konas tiun nomon, faman en ĉiuj kongresoj medicinaj, speciale pro liaj laboroj pri tuberklozo. Li estas unu el la gloroj de Meksiklando, kiu lin honoris per multaj distingaĵoj. Sinsekve, li estis deputato, prezidanto de la deputataro, senataro kaj vic-prezidanto de la Respubliko. Lia influo estas grandega, kaj ni devas ĝoji, ke li estas tiel decide partiano de nia lingvo. La Grupo de Montevideo delegis al la eminenta samideano komisiitaron por lin danki. Dum la tre interesa priparolado, S-ro Mendizàbal anoncis al ni, ke tre kredeble la estraro Meksika sendos Kembriĝon oficialan delegaton kaj ke tiu delegato estos nia fervora kaj bonega samideano D-ro Vargas, fondinto de la « Meksika Lumturo ». Dum lia revena vojaĝo, S-ro Mendizàbal vizitos la diversajn centrojn esperantistajn de Sud-Ameriko por ilin kuraĝigi en ilia malfacila tasko, kaj li esperas, ke en la proksima kongreso latin-amerika, la propono pri Esperanto havos pli favoran akcepton.

P. BERTHELOT.

## Tutmonda Kroniko

*18. Napolo.* — La anglaj gereĝoj vizitas sudan Italujon.

*Romo.* — Publika konsistorio en la Vatikano.

*Cilio.* — Elsputo de vulkano Puyechice.

*19. Madrido.* — Atenco kontraŭ S-ro Salmeron, eksprezidanto de la hispana respubliko.

*Manilo (Finipiloj).* — Brulado detruas urbon Ilo-Ilo en insulo Panag.

*Bruselo.* — S-ro de Troos, de la katolika partio, estas komisiita por formi novan ministraron.

*21. Peterburgo.* — Naĝanta glacimaso subakvigas ŝipon Arkangelsk ; 70 dronintoj.

*22. Afriko.* — Oni anoncas ke la svisa esploristo D-ro Volz estis inside mortigita en Liberio.

*23. Pariko.* — Mortas poeto kaj romanisto Andreo Theuriet, de la franca Akademio.

*Madrido.* — Balotoj por la deputataro. Estas elektitaj : 260 konservativuloj, [illegible] liberaluloj, 7 demokratoj, 4 sendependaj, 15 karlistoj, 5 integralistoj, 50 respublikanoj kaj katalunanoj.

*24. Sicilio.* — Elsputo de vulkano Stromboli.

*26. Napolo.* — Mortas muzikisto Pietro Platania, naskita en 1828.

*Jamestown (U. S. A.)* — Inauguracio de ekspozicio per parolado de S-ro Roosevelt.

*Vieno.* — La fama ĥirurgiisto Mosetig malaperis.

*27. Vaŝingtono.* — Paco solviĝas inter Nikaragvo kaj S. Salvadoro.

*29. Montenegro.* — Komencas ribelado.

*Parizo.* — Kelkaj sindikataj estroj estas arestitaj.

*30. Berlino.* — Diskutado ĉe Reĥjstago pri la internacia politiko.

*Guatemalo.* — Atenco kontraŭ la prezidanto de l'respubliko.

A. TELLINI.

### NIA ENKETO

## LA KOSTO DE LA NUTRAĴOJ

(II)

Ni daŭrigas publikigadi la rezultatojn de nia internacia enketo pri la kosto de la nutraĵoj. Laŭ demando de kelkaj personoj, ni informas, ke ni volonte permesas la represon aŭ la tradukon de tiu-ĉi enketo, kondiĉe ke oni citu la devenon.

*Granda Britujo.* — Ni citos kiel ekzemplojn la prezojn en Londono, Chester kaj Leicester. Entute la prezoj ne tre multe variiĝas ; la Angloj, diras unu el niaj korespondantoj, estas plivole viandmanĝantoj ; tial la kontinentuloj kredeble iom mirus pri la prezoj de kelkaj legomoj. La vinoj estas karaj, ĉar la popola maso ne trinkas el ili.

| | Londono | Chester | Leicester |
|---|---|---|---|
| pano . . . | 0.40 0.60 | 0.50 | 0.30 |
| bovaĵo . . . | 1.— 2.50 | 1.20 2.— | 1.60 2.— |
| bovidaĵo . . | 1.— 3.— | 1.20 3.— | 1.20 3.— |
| ŝafaĵo . . . | 0.60 2.40 | 1.80 2.— | 1.50 2.— |
| porkaĵo. . . | 1.20 2.— | 1.20 2.— | 1.40 2.— |
| terpomoj . . | 0.10 0.20 | 0.10 0.20 | 0.10 0.20 |
| sukero . . . | 0.40 | 0.40 | 0.40 |
| kafo . . . . | 2.— 5.— | 2.— 5.— | 2.50 5.— |
| teo . . . . | 2.50 | 3.— | 3.— |
| butero . . . | 2.40 3.50 | 2.50 4.— | 2.40 4.— |
| lakto . . . | 0.35 | 0.25 | 0.25 |
| ovoj. . . . | 1.20 1.80 | 1.— 1.80 | 1.20 2.40 |
| lentoj . . . | 0.50 | 0.40 | 0.40 |
| pizoj. . . . | 1.20 1.60 | 1.20 | 1.20 |
| kukumo. . . | 0.60 0.90 | 0.40 0.50 | 0.40 0.60 |
| fromaĝo. . . | 1.50 3.— | 2.— | 1.50 |
| viskio . . . | 3.50 5.— | 3.— 5.— | 3.— 5.— |

*Germanujo, Aŭstrujo, Svisujo.* — En plej multaj germanaj urboj, oni plendas pri la plikariĝo de la nutraĵoj ; en Aŭstrujo, la viandoj plikariĝis pro la fermitaj limoj de Serbujo, el kie venis multaj viandoj. La agrara politiko en Svisujo ankaŭ havis kiel rezultaton notindan plialtiĝon en la kosto de la nutraĵoj en la urboj.

Ni tabeligis la prezojn en Frankfurt-a/-M. (Germanujo), Wien (Aŭstrujo), Praha (Bohemujo), Sander (Galicujo), Bern (Svisujo).

| | Frankfurt | Wien | Praha | Sander | Bern |
|---|---|---|---|---|---|
| pano . . | 0.36 | 0.38 | 0.30 | 0.35 | 0.30 |
| bovaĵo . | 2.— | 1.20 2.50 | 1.50 | 1.10 | 1.50 |
| bovidaĵo . | 2.50 | 1.—2.— | 1.90 | 1.30 | 2.30 |
| ŝafaĵo . | 2.25 | 1.40 | 1.30 | — | 2.40 |
| porkaĵo . | 2.10 | 1.80 | 1.60 | 1.15 | 1.80 |
| terpomoj | 0.09 | 0.15 | 0.07 | 0.06 | 0.20 |
| sukero . | 0.55 | 0.65 | 0.65 | 0.60 | 0.50 |
| kafo . . | 2.50 3.50 | 2.50 4.— | 2.50 4. | 2.20 | 2.20 4.— |
| butero . | 3.50 3.80 | 3.— | 3.— | 1.80 2.20 | 3.—3.50 |
| lakto . . | 0.275 | 0.20 | 0.20 | 0.15 | 0.22 |
| ovoj . . | 1.10 1.80 | 0.60 1.20 | 0.60 1.50 | 0.70 | 0.90 1.50 |
| biero . . | 0.23 | 0.25 | 0.25 | 0.30 | 0.35 |
| vino . . | 1.— | 0.60 | 0.60 | — | 0.50 |

En la proksima Nº ni ekzamenos la prezojn en Skandinavio, Rusujo kaj Balkanaj landoj.

(daŭronta).

## ESPERANTO PRAKTIKA

### DIVERSAĴOJ

*Novaj konsulejoj.* — La nombro de la konsulejoj kaj oficejoj pli-kaj-pli kreskas. La Hâvre'a Esperantista Grupo informas nin, ke ĝi fondis Esperantan konsulejon. En la plej trapasata loko de la urbo, tiu-ĉi oficejo estas signita de surskribo per grandaj verdaj literoj. La fremdaj Esperantistoj trovos tie, krom la ĉefaj verkoj de nia literaturo, cirkulerojn kun sciigoj pri la vidindaĵoj de nia urbo, informojn pri la grupo, adresaron, leterkeston, k. t. p.

Ni esperas, ke ĉiuj grupoj sekvos tiun imitindan ekzemplon, kiu jam en multaj lokoj liveris bonegajn rezultatojn.

*Propagando ĉe la hoteloj.* — La Esp. grupo de Tours (Francujo), dezirante pligrandigi la turismon kaj propagandi Esperanton en sia regiono, petas, ke ĉiuj Esperantistoj (precipe alilanduloj) bonvolu sin turni al la esperantistaj hotelmastroj kaj en *Esperanto*. Tiamaniere, en la jam Esperante-parolantaj hoteloj oni pli ŝatos la lingvon ; novaj hotelmastroj ĝin uzos kaj iom-post-iom Esperanto iĝos praktikata ordinare de la turistoj kaj vojaĝantoj.

*La Grupo de Tours.*

*Esperantistaj Studentoj.* — Ni altiras la atenton de ĉiuj esperantistaj studentoj al la jus fondita « Internacia Unuiĝo de Studentoj » pri kiu ni donos de nun regulajn kaj plenajn informojn en speciala parto de nia jurnalo. Estas treege dezirinde, ke ĉiuj studentoj esperantistaj sin konigu kaj aliĝu al la dirita societo, tiel ke, per ĉiuj fortoj kunigitaj, Eaperanto estu enkondukita ĉe la studentajn rondojn kaj ricevu de tio gravan antaŭenpuŝon.

*Organizo de la konsuloj.* — La naciaj propagandaj societoj komencas sin okupi pri la organizo de la konsulejoj, pri kiu la

FELIETONO DE " ESPERANTO " 7

## La £ 1.000.000. Banka Bileto

**el Mark TWAIN**

(trad. P. A. H. MUSCHAMP)

Dume mi pasigis miajn vesperojn ĉe la ambasadorejo kune kun Portia. Al ŝi mi ne diris vorton pri la mino ; tion mi konservis kiel surprizon. Ni parolis pri salajro ; neniam pri io escepte salajron kaj amon ; kelkafoje pri amo, kelkafoje pri salajro, kelkafoje pri amo kaj salajro kune. Dio mia, kiel la edzino kaj filino de la ambasadoro interesiĝis pri nia afero ! Kiom da artifikaĵoj ili elpensis por malhelpi la interrompantojn kaj por trompi la ambasadoron — nu, ili vere estis tro ĝentilaj !

Je la fino de la monato, mi havis milionon da dolaroj en la Londona kaj Regiona Banko, kaj Hastings havis tiom kiom mi. Bonege vestita, mi preterpasis la domon en Portlanda Placo ; mi juĝis laŭ ĝenerala ŝajno, ke miaj birdoj estas ree hejme, do mi veturis ĝis la ambasadorejo, trovis mian karegulinon, kaj ekreveturis, parolante vive pri salajro : ŝi estis tiel ekscitigita kaj maltrankvila ke ŝi iĝis netolereble belega. Mi diris : « Kara mia, vi estas tiel bela, ke ĝi estus krimo postuli unu pencon malpli ol tri mil livroj jare. » — « Henriko, Henriko, vi nin ruinigos ! » — « Nenion timu. Nur konservu vian nunan vizaĝon, kaj fidu min plene ; ĉio bone finiĝos. » Tiamaniere okazis, ke mi devis plifortigi ŝian kuraĝon dum la tuta veturado. Senĉese ŝi petegadis tiel : « Ho, ne forgesu, mi petas, ke se ni petas tro multe, eble nenion ni ricevos : kaj tiam, kio okazos al ni, kiuj ne scias kiamaniere gajni nian panon ĉiutagan ? ».

Nin enkondukis tiu sama servisto, kaj jen staris la du maljunaj sinjoroj. Nature, ili tre miris vidante tian belulinon kun mi, sed mi diris : « Regula estas ĉio, sinjoroj ; ŝi estas mia helpontino kaj karulino. » Tiam mi ilin prezentis al ŝi, nomante ilin. Tio ne mirigis ilin ; ili sciis, ke mi estas sufiĉe saĝa por ke mi konsiliĝu kun adresaro. Ili nin sidigis, kaj estis al mi tre ĝentilaj, kaj tre penis kiel eble plej trankviligi ŝin, kaj forigi ŝian embarason. Tiam mi diris : « Sinjoroj, mi estas preta por fari raporton. » — « Tre kontentaj ni estas pri tio », respondis *mia* homo, ĉar nun ni povas decidi pri la veto, kiun faris mia frato Abelo kaj mi. Se vi ĝin gajnis por mi, vi havos ian ajn situacion, kiun mi povos doni ; ĉu vi havas la milionlivran bankbileton ? » — « Jen estas ĝi, sinjoro, kaj mi transdonis ĝin. — « Mi gajnis ! », Mi diras, ke li ja postvivas, kaj mi perdas dudek mil livrojn. Neniam mi povis tion kredi. » — « Pli detalan raporton mi ja faros, mi diris, kaj sufiĉe longan. Mi esperas, ke vi baldaŭ permesos, ke mi venu rakonti detale mian tutan monatan historion ; mi ankaŭ promesas, ke ĝi estas aŭdinda. Atendante, ekrigardu tion ĉi, mi petas. » — « Ĉu eble ! Skriba atesto de 200.000 ? ĉu la via ? » — « Mia. Mi ĝin perlaboris prudente uzante la prunteton, kiun vi komisiis al mi. Kaj la nura uzado, kiun mi faris el ĝi, estis aĉeti bagatelojn proponante la bileton por pagi ». « Nu, ĉi tio estas miriga ! nekredebla ! » — « Tre bone, mi ĝin pruvos. Ne akceptu mian nepruvitan parolon. » Sed nun Portia siavice ekmiris. Kun larĝe malfermataj okuloj, ŝi diris : « Henriko, ĉu vere estas via mono ? ĉu al mi vi ne mensogetis ? » « Efektive, karulino. Sed vi pardonos al mi, *mi* scias ». Lipgrimaceton ŝi malrespekte faris kaj diris : « Ne estu tro certa, vi estas malsaĝaĵo tiamaniere min trompi ! ». — « Ho, vi resaniĝos, koro mia, vi resaniĝos : tion mi nur faris por ŝerci, vi scias. Venu, ni foriru. » — « Sed atendu, atendu ! La situacion, vi scias. Mi deziras doni al vi la situacion », diris mia homo. — « Nu, mi respondis, mi estas kiel eble plej danka, sed vere mi ĝin ne bezonas. » — « Sed vi povas havi eĉ la plej bonan, kiun ni havas rajton doni. » — « Mi ree dankas tutkore ; sed mi eĉ ne tiun deziras. » — « Henriko, vi hontigas min. Vi ne duonsufiĉe dankas la sinjorojn ; ĉi vi permesas, ke mi anstataŭu vin ? » — « Certe, karulino, se vi povus plibonigi miajn vortojn. Mi vidu kion mi faros. » La homon ŝi proksimiĝis, eksidis sur lian genuon, ĉirkaŭprenis lian kolon, kaj lin kisis rekte sur la buŝo. Tiam la du maljunuloj ridegis, sed mi estis mutigita, absolute ŝtonigita. Portia diris : « Paĉjo, li diris, ke vi ne havas situacion, kiun li volas akcepti ; kaj mi estas tiel ĉagrenita kiel... » — « Amatino mia ! ĉu ĉi tiu estas via paĉjo ? » — « Jes, li estas mia duonpaĉjo, kaj la plej kara. Nun, vi certe komprenas kial mi povis ridi, kiam, ĉe la ambasadoro, vi rakontis al mi, ne sciante pri mia parenceco, kiom da ĉagrenoj kaj enuigaĵoj la veto de paĉjo kaj Onklo Abelo kaŭzis al vi ? Nature, mi nun klare parolis, lasante ĉian ŝercon, kaj trafis rekte la celon. « Ho, mia plej kara, kara sinjoro, mi deziras repreni ĉion, kion mi diris. Vi ja havas situacion, kiun mi bezonas. » — « Nomu ĝin. » — « Bofilan. » — « Nu, nu, nu ! Sed vi scin, ke, se vi ne ankoraŭ servis en tia situacio, vi sendube ne povas montri tiajn rekomendindajn atestaĵojn, kiuj kontentigos la kondiĉojn de la kontrakto, kaj tiel... » — « Provu min -ho, mi petegas, provu min ! Provu min nur dum tridek aŭ kvadek jaretoj, kaj tiam se... » — « Nu, tre bone ; ĉar vi petas nur malgravaĵon ; forprenu ŝin. »

Ĉu feliĉaj, ni ambaŭ ? Ne troviĝas sufiĉe da vortoj en la Zamenhofaj kaj teknikaj vortaroj por tion priskribi. Kaj kiam, post kelkaj tagoj, Londono aŭdis la tutan rakonton pri mia monatlonga aventuro pro tiu bankbileto, kaj kiamaniere ĝi finiĝis, ĉu Londono babilis kaj amuziĝis ? Jes. La paĉjo de mia Portia rekondukis tiun amikan kaj gastameman bileton al la Banko de Anglujo kaj ĝin enkasigis ; tiam la Banko, ĝin nuliginte, donacis ĝin al li, kaj li siavice transdonis al ni, je nia geedziĝo, kaj de tiam ĝi ĉiam pendas enkadrigita en la plej sankta loko de mia hejmo, ĉar ĝi donis al mi mian Portian. Sen ĝia helpo, mi ne estus povinta resti en Londono, ne estus irinta ĉe la ambasadoron, neniam estus renkontinta ŝin. Tiel mi ĉiam diras : « Jes, tio estas milionlivro, kiel vi vidas ; tamen ĝi nur unufoje dum mia vivo estis uzita por ion aĉeti, kaj tiam ricevis la aĉetaĵon pro ĉirkaŭe la dekono de ĝia valoro.

(Fino).

**En la venonta Nº de ESPERANTO, ni komencos publikigi felietone belegan rakonton de la fama franca verkisto GUSTAVE FLAUBERT, nome :**

## LA LEGENDO

DE

## SANKTA JULIANO HELPEMA

**esperantigita de H. Hodler.**

IIa kongreso donis nur tre ĝeneralajn montrojn. La komitato de la franca societo por la propagando de Esperanto decidis fari enketon, kiu permesus ellabori programon iom difinitan, nun kiam tiu institucio estas efektivigita kaj funkcias en diversaj lokoj. La enketontoj estos S-roj Michaux kaj Meyer. La komitato de la Belga Ligo Esperantista ankaŭ priparolis tiun demandon. Estis akceptita la jena regularo :

1e La ligaj grupoj proponos la konsulejojn, kaj la Ligo akceptos ilin. 2e La konsulo, laŭ ebla grado kaj ne enkondukante iau respondecon de la Ligo en la afero, klopodos por doni ĉiujn sciigojn kaj klarigojn de la demandoj al li adresitaj. 3e La konsulo, pro devo, respondos al la demandoj akompanitaj de poŝtmarko por la respondo. 4e Ĉiujare, almenaŭ unu monato antaŭ la dato de la ĝenerala kunveno, la grupoj proponos al la Ligo nomaron de la konsuloj. Tiu propono akompanos raporton pri la agemeco de la konsuloj dum la pasinta periodo.

*Esperanto ĉe la poŝtoficejoj.* — La Brazila ministro de la Publikaj Laboroj decidis ke la telegrafa administracio Brazila akceptu Esperanton kiel « kompreneblan » lingvon, t. e. kiel la konatajn gravajn lingvojn naciajn.

*Studenta Kongreso Tutamerika.* — La direkta komitato de la Montevidea Societo de Studentoj decidis kunvoki en tiu urbo tutamerikan kongreson de Studentoj. Baldaŭ ĉiuj universitataj centroj ricevos inviton kaj programon. Tial ke la lingvo angla estas malmulte konata inter la ĉi-tiaj studentoj kaj ke oni esperas la venon de multaj nordamerikanoj, oni komencos baldaŭ en tiu ĉi societo kurson de Esperanto. La Montevideanaj esperantistoj petas la samideanajn studentojn amerikajn, kaj precipe « usonajn » skribi al iliaj kolegoj de ĉi tiu urbo por ilin kuraĝigi en tiu entrepreno.

P. B.

## KONSULAJ INFORMOJ

**Bourg** (Ain-Francujo). — La sekretario de la Esp-Of. estas preta por doni letere aŭ buŝe informojn pri turismo, somerrestado en Jura montaro kaj pri la mirinde konata preĝejo de Brou (sendas vidaĵojn de tiu preĝejo).

**Bradford** (Anglujo). — Esperantista Konsulo de la grupo. A. Tuke Priestman, 12 Exchange Buildings-Bradford.

**Chaux-de-Fonds** (Svisujo). — Konsulo : S-ro Bourquin, r. Leopolt Robert.

**Le Creusot** (Francujo). — Konsulo, Esp-Ofico, Vendejo, biblioteko, k. t. p.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Genève** (Svisujo). — Esperanto-Konsulejo, 8, rue Bovy-Lysberg. Respondas senpage ĉiujn sciigojn pri la urbo kaj regiono. Oni nur aldonu poŝtmarkon por la respondo.

**London. S. E. Hithergreen.** — Konsulo : J. W. Baxter, Longhurst road 4.

**Mâcon** (Francujo). — S-ro Prunot, libristo, place de la Barre.

**Parizo** (Francujo). — Francianda Esperantista Industria kaj komerca Societo. Por ĉiuj informoj sin turni al la sekretario S-ro A. Lefèvre, 23, rue Stephenson, Paris-18e.

**Reims** (Francujo). — Esperanto-Ofico. 5, place Royale (telefono 436), Chauvillon, libristo, konsulo. Liveras ĉiujn informojn, parole kaj letere, pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo. Ricevas ĉiujn leterojn por la grupo esperantista de Reims (S. f. p. E.).

**Roanne** (Francujo). — Konsulo : S-ro Bousquet, liceo de Roanne.

**Romo** (Italujo). — Esp-Konsulejo, Fotografia Dottarelli, 29 via Belsiana.

**Roubaix** (Francujo). -- Konsulo : A. Denis, 86, rue du Moulin-Roubaix.

S-ro Denis deziras ricevi de ĉiulandaj konsuloj sciigojn pri la teksaĵoj ĉu lanaj, ĉu katunaj, ĉu silkaj kaj pri ĉiuj drapaĵoj miksitaj el malsimilaj aĵoj uzataj de iliaj samloĝantoj. Ne forgesu scii pri la koloraĵoj kaj desegnaĵoj la plej ŝatataj, kaj, se eble, signi kelkajn adresontojn, kiuj ricevus plezure specimenojn, prezarojn, k. t. p. — Por danki la sendontojn, mi sendos al ĉiu el ili belan ilustritan poŝtkarton.

**St-Etienne** (Francujo). — Esperanto-Konsulejo. — Taverne Alsacienne, place Marengo.

**Valence** (Francujo). — Konsulo : J. Delfour-kolegiestro.

**Vesoul** (Hte Saone-Francuja). — Konsulo : S-ro Maurice Girardet, negocisto, 1, rue de la Gare.

**Hegi-Winterthur** (Svisujo). — Socia-Informejo. S-ro Gustav Schwengeler, Esperanto-Ofico.

## PUBLIKAJ ESPERANTO-OFICOJ

### Kelkaj klarigoj

Ni liveras tie ĉi kelkajn mallongajn informojn, kiuj celas esti utilaj al la personoj, kiuj, en sia loko, deziras krei Publikajn Esperanto-Oficojn. Kompreneble, tio estas nur ĝenerala plano, kiu, en la detaloj, aliiĝos laŭ la lokaj cirkonstancoj ; tamen, ni opinias, ke tuj kiam la ĉefaj jenaj punktoj estos realigitaj, montriĝos bonaj rezultatoj kaj estos praktika utilo por la publiko. Ni resendas la legantojn, kiuj deziras teoriajn kaj praviĝajn klarigojn, al la artikoloj publikigataj sur la unua parto de nia jurnalo.

*Celo.* — Publika Esperanto-Ofico havas la celon utiligi Esperanton al la neesperantista publiko kaj esti praktika perilo por la personoj, kiuj, kvankam neesperantistoj, deziras uzi nian lingvon por siaj internaciaj rilatoj. Ĝi diferenciĝas de la konsulo, en tio, ke ĝi celas ĉefe la neesperantistojn, dum la unua celas alporti utilon al la esperantistoj mem. Ĝi havas proksimume tiun saman rolon kiel la publikaj telefonejoj, kiujn povas uzi la personoj, kiuj ne abonas telefonon. Ne rekte, la Esperanto-Oficoj montros per faktoj ke Esperanto jam nun liveras praktikajn rezultatojn kaj ŝatindan utilon ; ili helpos al la enkonduko de Esperanto ĉe la komercistojn, hotelistojn, k. t. p. kaj tiel faciligos la praktikan uzatecon de nia lingvo.

*Organizo.* — Esperanto-Ofico povas kreiĝi en ĉiuj lokoj, kie estas almenaŭ unu esperantisto. Ne estas necese, ke ekzistu antaŭe ia grupo jam fondita. Sekve, en la multaj lokoj, kie estas izolaj esperantistoj, Esp.-Ofico tre bone povas esti starigata. Tio eĉ povos havi bonan influon sur la propagandon de nia lingvo en ia urbo kie Esperanto estas ne jam konata, ĉar tia Ofico altiros la personojn per praktikaj, jam ricevitaj, rezultatoj.

Esp-Ofico povas esti kunigata en la sama ejo kiel la konsulo kaj prizorgata de la sama persono, ĉar, en la komenco, la laboro estos ne granda. Nur kiam la aferoj estos sufiĉe gravaj, oni povos apartigi la Konsulon kaj Oficon, kaj komisii ilian gvidadon al diversaj personoj, kiuj dividos la taskon inter si. En la grandaj urboj, povas kreiĝi Esp-Ofico en ĉiu grava kvartalo, se la bezono tion montras.

*Laboro.* — La Esp-Ofico konigas sian fondiĝon per cirkuleroj dissendotaj : 1e Al la lokaj gazetoj kun peto pri raporto. 2e Al la komercistoj, almenaŭ la plej gravaj. 3e Al la hotelistoj, kaj entute al ĉiuj personoj kaj grupoj, kiuj povas iel uzi la Esp.-Oficon.

Per tiu cirkulero, la Esp.-Ofico sciigos, ke :

1e) Ĝi tradukos senpage kaj kiel eble plej akurate en Esperanton ĉiujn prezarojn, cirkulerojn, reklamilojn, gvidlibrojn, k. t. p., kiujn oni sendos al ĝi.

2e) Ĝi elmontros, komunikos kaj disdonos ĉiujn esperante skribitajn cirkulerojn, reklamilojn, k. t. p. al la esperantistoj de sia urbo kaj ankaŭ ilin dissendos al ĉiuj aliaj Esp-Oficoj por afiŝado kaj disdonado, laŭ peto.

3e) Ĝi, laŭ peto, tradukos nacien tiujn ĉi prospektojn al la neesperantistoj de sia urbo.

4e) Ĝi kiel eble plej klopodos por konigi al la publiko pri kiuj aferoj, ĝi ricevis informojn per esperantaj cirkuleroj, k. t. p. kaj pri kiuj ĝi sekve povas liveri precizajn informojn.

5e) Ĝi tradukos senpage el Esperanto en nacian lingvon, aŭ reciproke el nacia lingvo Esperanton ĉiujn leterojn kaj korespondaĵojn, kiujn ricevos la komercistoj, hotelistoj, kaj tion faros kiel eble plej akurate Tiamaniere, ĉiu persono povos skribi esperante al ia ajn komerca firmo de la loko, kie estas Esp.-Ofico kaj ricevi ankaŭ esperantan respondon. Ankaŭ la komercistoj povos kumuniki esperante kun alilingvaj esperantistoj per la Esp.-Ofico, kiu tradukos la korespondaĵojn.

6e) Ĝi entute estas preta por servi al ĉiuj personoj, kiuj deziros uzi Esperanto por sia utilo, kaj por tio konstante interrilatos kun la aliaj Esp.-Oficoj en la mondo.

Tiuj ĉi servoj estas *senpage farataj* (esceptante la poŝtelspezojn).

Ni konsilas, ke, kune kun la cirkulero al la komercistoj, oni kunsendu tute pretan respondilon, kiu montras, ke la komercisto, hotelisto, k. t. p. notis la fakton kaj sekve akceptas korespondi esperante *per* la Esp.-Oficoj. Tio ĉi estas eventuale tre utila por la publikigo de Komerca Jarlibro Esperantista aŭ nur simpla nomaro de la firmoj, kiuj korespondas esperante (per la Esp.-Of.).

*Ejo.* — Estas tre necese, ke la Ofico havu publikan ejon ĉe kiu povas sin turni ĉiuj petantoj pri sciigoj. Tiu ejo estas ĝenerale la sama kiel la konsulejo. Oni por tio povas aranĝi la aferon laŭ la jena maniero :

Proponi al ia komercisto (prefere al libristo, jurnalvendisto, k. t. p.), kies magazeno sidas sur centra kaj tre vizitata strato, ke li cedu parton de sia montra fenestrego por la afiŝado de la sciigoj de la Ofico kaj Konsulo.

Tiu afiŝejo, kiu, en la komenco, estos malgranda, enhavos : 1e ĉiujn avizojn de la Konsulo kaj Ofico al la publiko esperantista aŭ ne. 2e) La avizojn de la personoj, kiuj deziras uzi la servojn de la Esp.-Of. 3e) La komercajn cirkulerojn kaj prospektojn esperante redaktitajn. 4e) La avizojn pri la ĝenerala movado esp. : kursoj, libroj, jurnaloj, k. t. p.

Tiu loko povas esti cedata senpage eĉ se la komercisto estas neesperantisto ĉar ekzemple, libristo tiel ricevos multajn aĉetantojn de esperantaj libroj kaj li de tio ricevos profiton multe pli gravan ol la malgranda parto de sia montra fenestrego kiun li donos por tio. Kompreneble, se la komercisto estas mem esperantisto, la loko povas esti pli grava, kaj oni povos altiri la atenton pentrante la vorton Esperanto aŭ per aliaj manieroj. Aliparte, la fakto, ke la tenisto esperante parolas estas grava. Oni do sin turnu prefere al esperantistaj komercistoj por la afiŝejo, sed tamen tio ne estas nepre necesa. La rezultatoj de tia videbla ejo en ĉiuj lokoj, kie ĝi estis farita, montriĝis bonegaj.

*Komuna adreso.* — Por simpligi la interkomunikojn inter la Oficoj, aŭ inter la Oficoj kaj la personoj, kiuj deziras uzi iliajn servojn, ni rekomendas, ke ili alprenu simplan adreson : Esperanto-Ofico, en X (nomo de l'urbo), sen necesa cito de l'strato. Por tio, sufiĉas sciigi la poŝtoficejon. Tiu simpla adreso evitos por la korespondado, longajn kaj ofte vanajn serĉojn en la jarlibroj aŭ gazetoj, aliparte tre faciligos la taskon de la personoj, kiuj bezonas la Esp.-Oficon.

*Komuna jurnalo.* — Estas tre utile, se la Esperanto-Oficoj de la tuta mondo povas komuniki inter si per sama komuna gazeto, kaj povas enpresi en ĝin siajn komunikojn kaj avizojn. ESPERANTO-JURNALO estas la komuna organo de la Oficoj kaj Konsuloj ; kontraŭ jara helpabono de 10 frankoj, ĝi liveras al ĉiuj oficoj kaj konsuloj ŝatindajn profitojn, publikigas ĉiujn iliajn komunikojn sen plua pago kaj aliparte priparolas ĉiujn demandojn, kiuj koncernas la konsulojn kaj oficojn.

*Financaj rimedoj.* — La elspezoj de la Ofico estas malgravaj, ĉar la poŝtmarkoj estas pagataj de la uzantoj mem ; restas nur la elspezoj por la dissendo kaj presigo de la cirkulero, kiu konigas la kreon de la Ofico. Tiuj elspezoj negrandaj povas esti pagataj de la loka grupo, se estas unu, ĉar Esp.-Ofico ne rekte tre helpas al la propagando, aŭ de privata iniciativo. Tuj kiam, la Oficoj ekservos, ili kredeble ricevos monhelpojn de la komercistoj aŭ de la societoj, al kiuj ili servas. Se la laboro fariĝas tre grava, tiam kaj nur tiam, oni povos difini prezojn por la servoj.

Ni insiste petas ĉiujn personojn, kiuj aŭ intencas krei aŭ jam kreis Esperanto-Oficon, ke ili informu nin pri tio por ke ni povu konigi ĉiujn iniciatojn kaj ĉiujn realigitajojn. Ni plezure sendos ĉiujn pluajn klarigojn kiujn oni povas bezoni, kaj, laŭeble, helpos la personojn, kiuj deziras fondi tiajn tre utilajn entreprenojn.

Ni petas la aliajn esperantistaj gazetoj ke ili bonvolu resumi la supran informaron.

H. H.

## Monata kroniko

Aprilo 1907.

Kune kun la printempo, la interrĝaj vizitoj plimultiĝis, kaj, kompreneble, ilin sekvas sufiĉe longaj disputoj pri internacia politika situacio. Reĝo de Anglujo sinsekve vizitis reĝojn de Hispanujo kaj Italujo. Tiu ĉi lasta renkontiĝo, ŝajnas, iel impresis la germanan gazetaron, kiu ĉiam kun granda atento konsideras la vojaĝojn de Edvardo VIIa. Kiel kutime, oni sin demandis pri la fortikeco de la triobla kunligo kaj la aldoniteco de Italujo al ĝi. Kio ajn estas, la reĝo de Italujo siavice vizitis la reĝon de Grekujo kaj, ĉe tiu okazo, oni esploris, ĉu pro tio, tiu ĉi lando ne estos iom-post-iom altirata al itala influo, kiu anstataŭus aŭ almenaŭ plimalgrandigus la aŭstran influon.

Antaŭ la baldaŭ okazonta Haga konferenco, la pacifistaro forte penadas por akceli per unu paŝo la triumfon de sia ideo, sed, ŝajnas, sufiĉas ekparoli pri limigado de la armiĝoj por ke tuj montriĝu la nun ekzistantaj malkonsentoj sur la kampo de l'monda politiko. Anglujo, apogita de kelkaj landoj, intencas proponi ĉe tiu konferenco la limigadon de la armiĝo, sed Germanujo, kiu estas politike pli-malpli izolata, ne fervore akceptas tiun ideon. Laŭ kelkaj politikuloj, tia propono montras subintencon de Anglujo, laŭ aliaj ĝi estas nur efiko de interna politiko : la liberala nun reganta ministraro promesinte plimalŝarĝiĝon de la militistaj elspezoj, plenumas aŭ provas plenumi sian promeson. En tiaj kondiĉoj, oni povas antaŭvidi, ke ĉu la propono pri la limigado de la armiĝoj, ĉu la konferenco ne havos tre ŝatindan rezultaton.

La nuna interna situacio de Rusujo ne prezentiĝas pli certa ol antaŭe. Oni ĉiam anoncas la forpermeson de la regna Dumo, kiu, sekve de tiu konstanta minaco, laŭeble agas por formeti la tro ekstremajn ekscitojn de siaj anoj. En diversaj okazoj kaj por eviti ian ajn pretekston por forpermeso, la « Kadoj » voĉdonis kun la dekstrumo. Malgraŭ lastaj tumultaj kunvenoj, la forpermeso ŝajnas provizore prokrastita.

Kiel antaŭvidite, en Francujo, la demando pri la rajto de la instruistoj kaj ŝtatoficistoj al sindikatiĝo anstataŭas ĉe la publika opinio la aferojn pri la rilatoj inter ŝtato kaj eklezio. La ministraro Clémenceau, batalinte kontraŭ la dekstrumo, devas nun laŭeble agi kontraŭ la ribelaj ŝtatoficistoj, kiuj energie postulas la nomitan rajton kaj aliĝis al la fama Konfederacio de la Laboristaro, kiu persekutas celon esence revolucian. Kio nun okazos ? Tion diri oni ne povas, ĉar la registaro ne estas preta cedi al la maldekstrumaj ekscitoj ; ĝi do devos sin apogi sur la pli moderaj elementoj de la Parlamento, kaj definitive forlasi la socialistojn.

La germana Reĥjstago remalfermiĝis ; interesa disputo okazis pri ekstera kaj interna politiko. Ankaŭ interesa kaj pli preciza estas la enketo malfermita de franca jurnalo, per kiu la ĉefaj germanaj politikuloj esprimis sian opinion pri la nuna situacio. Laŭ ili, Germanujo havas kaj devas havi nur pacemajn inklinojn, sed ĝi ĉiam defendos energie siajn rajtojn. Tiel same parolas la politikuloj kaj registaroj de ĉiuj landoj...

La belga ministraro katolika devis eksiĝi, ĉar parto de la plimulto de l'Parlamento, nome la Nov-katolikoj voĉdonis kun la liberala kaj socialista parto. Post longaj klopodoj, nova ministraro estas formita kaj sendube sukcesos reorganizi la ordinaran katolikan plimulton ; se ne, oni parolas pri rebalotado de la Parlamento.

Hispanujo renovigis sian Parlamenton. Kiel tute atendite, la konservativa nun reganta partio plene venkis, escepte en Katalunujo, kie la reprezentantoj de la Solidareco kataluna triumfis; la liberaluloj foriĝis ĝis la momento kiam la sorto politika ilin denove favoros per granda, sed malkonstanta plimulto.

Okaze de la 300a datreveno de la enloĝiĝo de la anglaj elmigrintoj en Ameriko prezidanto Roosevelt faris gravan kaj tre rimarkitan paroladon. Li karakterizis la du potencojn, kiuj en ĉiu lando kaj aparte en Unuiĝitaj Ŝtatoj akre batalas unu kontraŭ la alia kaj montris la du ekstremojn evitindajn : unuflanke plutokratio, aliflanke demagogio. Oni rememoras ke jam de longe, laŭ tiuj principoj, Prezidanto Roosevelt energie batalas kontraŭ la troa potenco de la trustoj kaj la pretendoj de la grandegaj sindikatoj, kiuj « trustas » la penadojn de la laboristaro. En tiu lando, cetere baldaŭ komenciĝos la balotbatalo, kiu estos tre akra ; oni ne scias ankoraŭ, ĉu la nuna prezidanto akceptos denove la prezidantecon de la granda nord-ameriko respubliko. Multaj lin petas pri tio ; oni devas konsenti, ke la nuna prezidanto akiris en la tuta mondo neordinaran famecon kaj influon, kiun certe ne havis liaj antaŭuloj. Dume, laboras kaj... festenas la anoj de la brita kolonia konferenco, kunveninta en Londono por priparoli la demandojn, kiuj interesas la tutan imperion, sed en la nuna tempo ĝi ne povas leĝigi, sed nur elmeti proponojn kaj dezirojn.

A. R.

12 MAJO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — N° 7

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ADMINISTRATION**
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Suisse)
Abonnement annuel . . . . . 3 francs
Un numéro . . . . . 10 cent.
On s'abonne à l'Administration ou auprés des agents locaux

**PUBLISHING OFFICE**
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Geneva (Switzerland)
Yearly subscription . . . . . 2s. 6p.
Separate copies . . . . . 1d
Subscriptions payable to the Publishers or the Local Agents

**ADMINISTRATION**
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genf (Schweiz)
Preis pro Jahr . . . . . Mk 2.50
Einzelne Nummern . . . . . Mk 0.10
Abonnements Preise sind zu bezahlen durch die Administration oder die Abgeordneten derselben

## L'Esperanto et le mouvement des idées

L'Esperanto étant par définition une langue, c'est-à-dire un moyen absolument neutre par lequel les hommes de différents pays peuvent échanger leurs idées, il s'en suit qu'il peut être employé par les représentants des divers partis politiques, religieux ou sociaux, soit pour faciliter leurs relations avec leurs coreligionnaires d'autres pays, soit pour propager leurs idées dans des milieux où, par suite de la diversité des langues, elles ne pourraient pénétrer qu'avec une extrême lenteur. Ainsi, à côté des organisations de propagande, à côté des sociétés qui se servent de l'Esperanto, il s'est fondé un certain nombre de groupements internationaux, unissant les partisans d'une même idée. L'Esperanto est appelé à rendre dans ce domaine d'incomparables services; c'est ce qu'ont admirablement compris les initiateurs des divers mouvements, sur lesquels nous ne pouvons donner que des indications très générales, renvoyant pour plus de détails aux revues spéciales.

*L'Esperanto chez les Catholiques.* — Il existe en Esperanto une revue mensuelle « Espero Katolika », dirigée par M. l'Abbé Peltier, un des initiateurs du mouvement esperantiste catholique. Un grand nombre de prêtres ont donné leur appui à cette œuvre. On se rappelle qu'au cours du Congrès de Genève, le Pape Pie X a envoyé sa bénédiction aux esperantistes catholiques avec son approbation. Un service divin en Esperanto a été organisé durant ce même Congrès. Enfin un certain nombre d'ouvrages ont été ou sont actuellement traduits en Esperanto.

*L'Esperanto chez les Protestants.* — Bien qu'il n'existe pas encore de revue spéciale pour les espérantistes protestants, le mouvement n'en est pas moins très actif. Le Congrès des Activités Chrétiennes (Christian Endeavour), qui compte plusieurs millions d'adhérents dans le monde, a voté une résolution en faveur de l'introduction de l'Esperanto; déjà un certain nombre de groupes activistes se sont fondés dans différentes villes. Comme les catholiques, les protestants ont célébré un service religieux en Esperanto au cours du Congrès de Genève.

*L'Esperanto chez les Francs-Maçons.* — De nombreuses loges ont voté des résolutions favorables à l'Esperanto. Au Congrès de Boulogne-s/Mer, il a été jeté les bases d'une association destinée à unir les Francs-Maçons de différents pays. Une revue spéciale est projetée.

Le Congrès de la Libre-Pensée (Paris) a voté un ordre du jour en faveur de l'Esperanto.

*L'Esperanto chez les Pacifistes.* — L'Esperanto a été présenté à divers Congrès de la Paix. Sur l'initiative de M. G. Moch, une société esperantiste pacifiste a été fondée, sous le nom de « Pacifisto »; la revue « Espero Pacifista » est l'organe de cette société qui réunit les pacifistes de tous les pays. En outre, un certain nombre d'ouvrages importants concernant le mouvement pacifiste, ont été traduits en Esperanto. Un grand nombre de groupements pacifistes acceptent de correspondre, dès maintenant, en Esperanto. *(à suivre.)*

*Esperanto-Journal.*

## Das Esperanto und die Ideenbewegung

Das Esperanto ist nach der Definition eine Sprache, d. h. ein absolut neutrales Mittel, wodurch Leute verschiedener Länder ihre Gedanken gegenseitig austauschen Können. Daraus folgt, dass es sich für die Vertreter von politischen, religiösen oder sozialen Vereinigungen verwenden lässt, sei es um die Beziehungen mit ihren Gesinnungsgenossen anderer Länder zu erleichtern, sei es um ihre Ansichten in den Kreisen zu verbreiten, wo sie infolge der Verschiedenheit der Sprachen bis jetzt nur sehr langsam durchdringen konnten. So sind neben den Propagandavereinen, neben den Gesellschaften, die das Esperanto als Mittel benützen, einige internationale Vereinigungen entstanden, die die Anhänger ein und derselben Idee vereinigen. Auf diesem Gebiete wird das Esperanto unschätzbare Dienste leisten können; dies haben die Initianten dieser verschiedenen Bewegungen wunderbar begriffen. Wir können darüber nur wenige allgemeine Bemerkungen bringen indem wir nähere Ausführungen den Fachzeitschriften überlassen.

*Das Esperanto bei den Katholiken.* — Es erscheint eine Monatschrift „Espero Katolika", geleitet von Abbé Peltier, einem der Initianten der Esperantobewegung bei den Katholiken. Zahlreiche Priester haben sich dieser Bewegung angeschlossen. Es ist bekannt, dass während des Kongresses in Genf Papst Pius X den esperantokundigen Katholiken seinen Segen hat zukommen lassen. Am gleichen Kongress ist auch ein Gottesdienst in Esperanto abgehalten worden. Eine Anzahl von Werken sind schon oder werden gegenwärtig in Esperanto übersetzt.

*Das Esperanto bei den Protestanten.* — Obschon noch keine besondere Zeitung für esperantokundige Protestanten besteht, so ist die Bewegung doch sehr lebhaft. Der Kongress für christliche Liebestätigkeit (Christian Endeavour), eine Gesellschaft von mehreren Millionen Mitgliedern in der ganzen Welt, hat zu gunsten der Einführung des Esperanto einen Beschluss gefasst; schon jetzt bestehen einige aktive Gruppen in verschiedenen Städten. Wie die Katholiken so haben auch die Protestanten während des Genfer Kongresses einen Gottesdienst in Esperanto veranstaltet.

*Das Esperanto bei den Freimaurern.* — Zahlreiche Logen haben dem Esperanto günstige Beschlüsse gefasst. Am Kongress in Boulogne-s/Mer ist der Grundstein zu einer Gesellschaft gelegt worden, die den Zweck hat, die Freimaurer verschiedenen Länder zu vereinigen. Eine besondere Zeitschrift ist vorgesehen.

Der Freidenkerkongress (Paris) hat eine Tagesordnung zu gunsten des Esperanto angenommen.

*Das Esperanto bei den Pacifisten.* — Das Esperanto ist verschiedenen Friedenskongressen vorgelegt worden. Auf die Anregung von Herrn G. Moch ist eine Gesellschat von Esperanto-Pacifisten die Zeitschrift „Espero Pacifista" ist das offizielle Organ dieses Vereins, der die Esperanto-Pacifisten aller Länder vereinigt. Unter andern sind auch einige bedeutende Werke, die sich auf die Friedensbewegung beziehen, in Esperanto übersetzt worden. Sehr viele Friedensgesellschaften Korrespondieren schon jetzt in Esperanto *(Fortsetzung folgt.)*

*Esperanto-Journal.*

## Esperanto and the Evolution of Thought

Esperanto being defined as a neutral tongue, i. e., a means by which men of different countries may exchange thought, it follows that it may be used by members of various political, religious and social bodies, whether to facilitate their intercourse with colleagues of other lands, or to propagate their ideas in centres into which, thanks to the diversity of tongues, these could otherwise penetrate but slowly. Thus side by side with propagation societies and those using Esperanto have arisen a certain number of international groupes uniting partisans of one and the same idea.

The initiators of various movements have thoroughly understood that Esperanto will be of the greatest utility in this domaine; we can here only give a few general indications, referring our readers for fuller details to special reviews.

*Esperanto and Catholicity.* There is a monthly catholic review, "Espero Katolika", edited by the Abbé Peltier, one of the founders of the catholic Esperantist movement. A great number of prints have given their support to this work. It is noteworthy that Pope Pius X sent his blessing and approval to Esperantist catholics at the Geneva Congress. Mass was celebrated in Esperanto during this Congress. Moreover a number of works on religion have been translated into Esperanto.

*Esperanto and Protestantism.* — Although no Esperanto-Protestant review yet exist, the movement is no less active among the Protestants. A vote was passed in favour of the introduction of Esperanto at the Congress of the Christian Endeavour — which has several millions adherents —, and some active groups have been established in different towns. The protestants have also had their religious service in Esperanto at the Geneva Congress.

*Esperanto and Free Masons.* — Many lodges have passed resolutions in favour of Esperanto. At the Boulogne Congress an association has been founded destined to unite Free Masons of every land. A special review is being put in hand (Esperanto-Framasona).

The Congress of Free Thinkers (Paris) voted in favour of the introduction of Esperanto.

*Esperanto and the Pacifists.* — Esperanto has been presented at several Peace Congresses. With M. Moch's help, a Pacifist Esperanto society has been founded, under the name "Pacifisto", having as official organ the review "Espero Pacifista", and by its means Esperantist Pacifists all the world over are united. Moreover a certain number of works concerning the peace movement have been translated into Esperanto. A large number of Peace societies are now prepared to correspond in Esperanto.

*(to be continued.)*

*Esperanto-Journal.*

## L'Esperanto e il progresso delle idee

L'Esperanto è una lingua, dunque un mezzo assolutamente neutro che serve agli uomini di tutti i paesi della Terra per scambiare fra loro le idee, ne segue che esso può essere impiegato dei repprсsentanti dei vari partiti politici, religiosi e sociali, sia per rendere più facili le loro relazioni coi correligionarii d'altre nazioni, sia per propagare le loro idee là dove par la diversità delle lingue, esse non potrebbero penetrare che con estrema lentezza. Cosi, oltre alle organizzazioni di propaganda, oltre alle società che si servono dell' Esperanto, si sono fondati un certo numero di gruppi internazionali che uniscono i partigiani di una stessa idea. L'Esperanto è chiamato a rendere in questo campo incomparabili servigi; si è cio che hanno perfettamente compreso gli iniziatori dei diversi moti di cui possiamo dare solamente delle indicazioni generiche, mentre rinviamo gli interessati alle riviste speciali.

*L'Esperanto pei cattolici.* — Esiste in Esperanto una rivista mensile «Espero Katolika» diretta dall' Abate Peltier, uno degli uniziatori del movimento cattolico. Un gran numero di preti hanno dato il loro appoggio a quest' opera. Si rammenti che durante il Congresso di Genevra il Papa Pio X ha inviato la sua benedizione agli esperantisti cattolici colla sua approvazione. Un servizio divino in Esperanto aveva avuto luogo durante lo stesso Congresso. Finalmente un certo numero di opere sono state o si stanno traducendo in Esperanto.

*L'Esperanto pei protestanti.* — Benchè non vi sia ancora una rivista speciale per gli esperantisti protestanti, l'attività non è minore. Il Congresso delle Attività Cristiane (Christian Endeavour), che conta molti milioni di aderenti nel mondo ha votato una decisione in favore dell' introduzione dell' Esperanto; già un certo numero di gruppi attivisti sè sono fondati in varie città. Come i cottolici i protestanti hanno celebrato un servizio religioso in Esperanto durante il Congresso di Genevra.

*L'Esperanto pei Framassoni.* — Molte logge massoniche hanno votato delle risoluzioni favorevoli all' Esperanto. Una decisione del Congresso di Boulogne s/Mer, ha gettato le basi di una associazione destinata a unire i framassoni dei diversi paesi. Una rivista speciale è progettata. Il Congresso del libero pensiero di Parigi ha votato un ordine del giorno in favore dell' Esperanto.

*L'Esperanto pei Pacifisti.* — L'Esperanto è stato presentato a molti Congressi per la Pace. Sull' iniziativa del Sig. G. Moch, una società esperantista pacifista è stata fondata col titolo di «Pacifisto»; la rivista «Espero Pacifista» è l'organo di questa Società che riunisce gli esperantisti pacifisti di tutti gli Stati. In oltre, un certo numero di opere importanti concernenti il movimento pacifista sono state tradotte in Esperanto. Molti gruppi pacifisti accettano di corrispondere fin d'ora in Esperanto.

*Esperanto-Journal.*